# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 12/01/2014 Cent kvardek sepa Eldono 12/01/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**


**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**




**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**


**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Kompetentaj lingvistoj aŭskultas la Retradion ĉiun tagon (Mondvasta temperatura rekordo)

03/01/14 elsendita http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



Varma aero super Rusio kondukis al la plej milda novembro ekde la jaro 1891, la tuta jaro 2013 faris salton supren en la rangolisto de temperaturoj. Ĉu finiĝas la paŭzo de tera varmiĝo?

Nekutima vetero en Rusio kaŭzis tutteran klimatan rekordon. Varma aero el la sudo pelis la temperaturon en meza Azio dum novembro je 8 gradoj pli alten ol kutime - sur veteraj mapoj indikas grandega ruĝa makulo la varmon. Per tio la averaĝa temperaturo en proksimeco de la grundo plialtiĝis al sia novembra maksimumo ekde de la komenco de la mezurado en la jaro 1891.

La pasinta monato laŭ raporto de la usona vetera aŭtoritato NOAA situis je 0,78 gradoj super la averaĝo de 12,9 gradoj. En la 37-a jaro sinsekve la novembro per tio estis pli varma ol la averaĝo de la dudeka jarcento, la lasta iom pli malvarma okazis en la jaro 1976. Krome tio estas la 345-a sinsekva monato kiu situis super la jarcenta averaĝo.

Ctrl✚alklaku Kaj Aŭskultu

# 3–12 januaro 2014 Kanbera AEA Kongreso

| | | | |
|---|---|---|---|
| AFRIDA, Abid | WEARING, Max | LINNANE, Carol | PARRIS. Esther |
| BEHARRY-LALL, Indrani | GHIMIRE, Bharat | LUSHNIKOV, Dmitrij | PHELAN, Gerry |
| BISHOP, Alan | GREEN, Hazel | LUKES,Dianne | SAMOSIR, Andre |
| BISHOP, Jennifer | GREEN, Paul | LUTZ, Carol | SERVE, Yvan |
| CHALDECOTT, Margaret | HELDZINGEN, Heather | LUTZ, Miranda | SPRINGER, Roger |
| CONNORS, Sandra | HORVATH, Sandor | MALCOLM, Huigh | SPRINGER,Mei |
| COOPER, Jonathan | JOHNS, Joanne | MANLEY, Terry | STEELE, Katja |
| DUONG, Tu Kieu | JONES, Eileen | McCluskey, Caitlin | STEELE, Trevor |
| ELSE, Nicole | KANE, Daniel | McDONALD, Bradley | STEVENSON, Charles |
| FELBY, Robert | KURZ, Rainer | MITCHELL, Dianne | THAPALIA, Indu |
| HELLENPACH, Elisabet | LEE, Kam | NOHILL, Lumera | THOMSON, Giles |
| GABOR, Marcus | LEEREVELD, Marcel | NUR SYAH HIDAYAT, Eko | VAN RYN, Rouan |
| GARAMY, Steven | LINNANE, Brendan | PALMER. Helen | WITT, Andrea |

**Ĉu vi ne envias nin? Ni restis en Esperantujo. Bona vetero, bona manĝo, bona programo, bonaj ĉeestantoj, bonaj geamikoj.**



Dua grupfoto farita de Kam Lee

SKRIBU AL NI Kie estas viaj fotoj, raportoj, ktp pri tiu kongreso ??

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto Asocio ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## ANONCO PRI LA ŜANĜO DE AEA DE KOMPANIO AL ASOCIO

Pro decido (per 75.5% por kaj 24.5% kontraŭ)) en la Jarkunveno de AEA en Januaro 2014 en la Kanbera Kongreso la Estraro komencos la proceden por ŝanĝi la Aŭstralian Esperanto-Asocion al asocio.

Ni registros la asocion en Viktorio, kiel ankaŭ decidite, kaj ni akceptos la novajn viktoriajn "Model Rules for an Incorporated Association" laŭ la "Associations Incorporation Reform Act 2012".

Post la registriĝo ni tuj organizos la necesan elekton de nova estraro por AEA.

La Estraro de Aŭstralia Esperanto Asocio dankas ĉiujn kiuj kunlaboris en la elektado, kaj ni ankaŭ dankas la helpanton Esther Parris kiu respondecis pri la voĉproceduro.

La Estraro de AEA



## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno antaŭe je 11atm

Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

Venu dimanĉon la 19an de Januaro

## GERMANUJO

**Kara Roger**

**Mi elpetas pardonon, ke mi nur respondas hodiaŭ. Miaj profesiaj taskoj tute okupis min antaŭ la festotagoj.**

**Mi deziras al vi kaj la viaj ĉion bonan kaj feliĉon en la nova jaro. Restu sana!**

**Mi dankas pro ĉiuj de viaj interesaj novaĵleteroj kaj salutas kore**

**Hermann**

Hermann Kroppenberg
Broicher Straße 37
51429 Bergisch Gladbach-Bensberg

Ricevante de la Kuba Esperanto Asocio

# KION MI FARAS POR ESPERANTO.



Mi esperantiĝis en la jaro 2011, mi decidis lerni tiun bonegan kaj belegan lingvon por plialtigi mian lingvonivelon, tial mi dediĉas multe da tempo al la konstanta lernado, ĉiutage hejme mi studas Esperanton, mi estas aktiva esperantisto nacie kaj internacie, mi korespondas kaj retmesaĝas kun eksterlandanoj tra la tuta mondo pere de Esperanto, ĝi estas mia laborlingvo ĉiutage, mi kunordigas amikecan projekton inter nia klubo kaj aliaj eksterlande, mi gradiĝis de la elementa ekzameno de Kuba Esperanto Asocio julie 2012, kaj en la monato de Marto de la Jaro 2013,mi faris kaj sukcesis la bazan ekzamenon de KEA kun kategorio Eminente.

De la jaro 2011, mi estas estrarano en nia filio, mi prizorgas pri publikaj rilatoj kaj edukado, ankaŭ mi estas Instruisto de la Lingvo, mi bonagadas favore Esperanton, mi estas prelegisto en nia filio kaj mi studas temojn koncerne al la Historio, Kulturo, Literaturo de Esperanto kaj ĝia Internacia Movado.

Aktuale mi estas individua membro de UEA, SAT kaj ILEI.

Meze de la jaro 2013 mi decidis plistudi Esperanton kaj mi havis oportunon studi rete en la Internacia Akademio de Sciencoj AIS-RSM/Meksiko dankon al la helpo de la Reprezentantoj de la AIS en Ameriko Sinjoroj Ruben Feldman-Gonzalez kaj Luis Cordova, jam mi faris la Bazan kaj la Mezgradan Ekzamenojn de AIS, kaj mi sukcesis ilin kun bonega rezulto, jam mi estas Meznivela Instruisto pri Esperanto de la AIS-RSM-Meksiko, mi studas por fari Superan Ekzamenon de AIS por atingi la Atestilon de Supera Nivelo de Esperanto-Kono de AIS/RSM.

Mi verkas Esperantaĵojn por bultenoj en Brazilo, Urugvajo, Hispanio kaj Aŭstralio, mi celas perfektigi mian lingvoscion por instrui aliulojn, mi ŝatas Esperanton kaj mi konsideras min kuraĝa militisto de Zamenhof.

Mi serĉas informilojn interrete por divastigi nacie kaj internacie, mi subtenas kontakton kun la estraranoj de KEA, kaj mi pensas en la estonteco de nia lingvo, kaj en niaj ŝultroj estas la respondeco de la futuro de nia lingva heredaĵo.

Alexander Dumián Martinez Agüero
alexander@embergrm.alinet.cu

# GERMANUJO

Kara s-ano Roger,
mi deziras al vi kaj via landa asocio ĉion bonan kaj sukceson en la nova jaro 2014, kiu ja ĉe vi komenciĝis pli frue.

Kun intereso mi legis vian novaĵleteron en aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo
Kvankam ne ĉio koncernas nin Eŭropanojn, mi tamen ŝatus kolekti ties eldonojn por nia Germana Esperanto-Biblioteko en Aalen, kies direktoro mi estas.
Tial mi petas, ke vi skribu ankaŭ mian retleter-adreson al via listo: biblioteko@esperanto-aalen.de (la adreso, de kie mi sendas, ankaŭ estas valida, ĉar la profesi-oficeja)!
Kore kaj amikece
Utho Maier, Aalen, Germanujo

PS (al info@esperanto.org.au):
Se ekzistas ankaŭ aliaj pdf-eldonoj, kiuj ne estas rekte haveblaj per aea.esperanto.org.au/australia-esperanto-informilo-esk/?lang=eo (tie mi legis: Disponeblas ankaŭ aliaj eldonoj, en formato PDF. Por pliaj informoj, bonvolu sendi mesaĝon al info@esperanto.org.au), mi petas pri listo de ili, por ke mi povu elektu, kiun ni ankaŭ bezonas.
Tute alia demano estas, ĉu ne indus, ke niaj landaj asocio interŝanĝu la revuojn (oficialajn organojn)?
La germana Esperanto aktuell aperas 6-foje en la jaro kaj estas parte en Esperanto, parte en la Germana lingvo.
Mi ne dubas, ke la estraro volonte sendus ĝin al Aŭstralio, se vi promesas, ke ni ricevos reciproke la Esperanto sub la Suda Kruco (ESK)

## 16. La Subjekta Predikativo.



Ekzistas du klasoj da Subjektaj Predikativoj. La unua estas la Rektaj, kaj ili kutime havas unu el nur kelkaj Verboj, kiuj estas esti, iĝi, fariĝi, resti, ŝajni, aspekti, evidentiĝi, nomiĝi, kaj kelkaj aliaj –iĝi-verboj. Ili nomiĝas Kopuloj. Jen kvar ekzemploj: "Ŝi IĜIS ĈEFMINISTRO, sed ŝi RESTIS MODESTA", kaj "La vetero ASPEKTAS BONA, kvankam ĝi certe FARIĜOS MALAGRABLA poste". Kiel menciite, kelkaj Kopuloj havas ankaŭ nekopulan funkcion kun iomete malsama signifo.

Jen kelkaj ekzemploj de la Nerekta Subjekta Predikativo: "TUTE NUDA, la knabo TREMIS pro malvarmo"; "Mi ne POVIS FINI la kuradon, ja TRO LACIĜINTA"; "Se DORMANTA, la infaneto ne SENTOS la doloron"; "Mi, DORMANTA, ne AŬDIS la sonorilon". Oni ĉiam povas meti antaŭ ilin la vorton "estante": "Estante LACA, li ĈESIS la laboron".

Proksimfoje ni traktos la Objektan Predikativon.

Marcel Leereveld.

# Legio de Bona Volo.

Por honore saluti 2 laŭdindajn januarajn tagojn,

**La 15-an — Mondan Tagon de Muzikkomponisto,**
**La 21-an — Mondan Tagon de Religio,**

aperas en la retejo de Legio de Bona Volo (LBV) du artikoloj verkitaj de la muzikkomponisto, radiĵurnalisto kaj edukanto José de Paiva Netto, kiu estas prezidanto-predikanto de la Religio de Dio kaj direktoro-prezidanto de Legio de Bona Volo.

***La mondo naskiĝis kun muziko***
http://www.paivanetto.com/index.php/esp/artigo?cm=96442&cs=100
***Religia Demokratio***
http://www.paivanetto.com/index.php/esp/artigo?cm=95996&cs=100
Plej amike kaj salute, kun novjaraj bondeziroj,
S-ino Maria Aparecida da Silva
www.bonavolo.com http://www.paivanetto.com/index.php/esp

# RIDETU



Mi ricevis retmesaĝon kun ĉi-tiu du-linia citaĵo - aŭ ŝajna citaĵo, kiun mi tradukas tiel:

"Mi trinkas ĉampanon nur kiam mi estas aŭ feliĉa aŭ malfeliĉa. Kelkfoje mi trinkas ĝin kiam mi estas sola. Kiam mi havas gastojn mi rigardas ĝin kiel devigon. Mi frivole traktas kun ĝi kiam mi ne hastas kaj drinkas ĝin kiam mi hastas, alitempe mi ne tuŝas ĝin krom kiam mi soifas."



... Madame Lilly Bollinger - laŭ onidiro trovis Huigh Malcolm



# La nova estraro de AEA Heather, Sandor, Jonathan, Kam, Indrani, Esther, Margaret kaj Jim (ne povis veni).





## Ekskurso

la 11an de Januaro 2014

Kara Roger,

Kie vi estis? Jen bela foto kiun mi faris hodiaŭ..

Amike, Nicole

Kara Nicole,

Mi perdiĝis pro la rondaj, belaj, konfuzigaj stratoj de planita Kanbero

Pardonpetas

Amike, Roger



